


# GAŬĈA STELO



Informilo de Gaŭĉa Esperanto - Asocio n-ro 2 - Decembro / 96

# LUDOVIKO LAZARO ZAMENHOF

Nia omaĝo al genia kreinto de la Internacia Lingvo Esperanto, kiu datrevenas je la 15ª de Decembro.
Ivo Sanguinetti

Kiam mi vidas imponecan la figuron
de l'kreinto de la frata komprenilo,
mi ja vidas la plej helan lumturon,
lumigante la Babelon en trankvilo.

Kun persisto, obstino kaj humilo,
li forigis pacience la obskuron
kaj vidigis la stelon, kies brilo
certigas kun espero la futuron.

Lia verko, pli ol nura panaceo
estis rezulto de tre benata ideo
ĉiam vibranta kiel forta kanto :

Per lia revo ideala pri frateco,
li lanĉis kun amo al estonteco
la Dian mesaĝon de Esperanto !



# Lingva Ŝerloko



Karaj Watson-oj:
Legu atente la jenajn frazojn kaj klopodu korekti ilin. Ĉe la lasta paĝo de ĉi tiu Informilo vidu ĉu viaj korektoj estas korektaj :

1.Li eliris malgraŭ pluvis.
2.Li eniris sen permeso de neniu el ni.
3.Post manĝi li ekdormis.
4.Mi kalkulas kun via helpo ĉi-jare.
5.Estas danĝera promeni sur la ponto.
6.Li laboris sen dormi la tutan nokton.
7.Mi ne diras al vi nenion alian, krom plej pura vero.
8.Okulon pro okulo, denton pro dento.

# La Tago de Esperanto

La esperantaj grupoj iel festas la 15an de Decembro por rememori la naskiĝon de nia majstro. Ĉi-jare, Gaŭĉa Esperanto- Asocio, kunlabore kun DESEAK, pretendas prepari surprizon al la loĝantoj de la strato Zamenhof, ĉe Porto Alegre.,

**Korajn salutojn**
**Kaj bondezirojn por**
**Kristnasko**
**Kaj**
**Nova Jaro 1997**



# 9ª Sudbrazila Renkontiĝo de Esperanto

### Kategorioj / Kotizoj

R$

1. Ano efektiva de ŝtata asocio, kvita por 1996............................30,00
2. Same (ĝis 21 jaraĝa )..................15,00
3. Ne ano aŭ ne kvita por 1996.......40,00
4. Familiano de ano de Kat. 1 aŭ 2..15,00
5. Familiano de ano de Kat. 3..........20,00
6. Infano ĝis la 12ª jaraĝo kaj eksterlandano..............................senpage

(NB) Kune kun la ALIĜILO sendu la kotizan valoron per persona ĉeko al S-ro Carlos Dionel Luiz Machado - Caixa Postal 815 - CEP: 90001-970 Porto Alegre - RS.

## Brazila Kongreso de Esperanto

Okazos venontjare de la 12ª ĝis la 17ª de julio, en la urbo Curitiba, la 33ª Brazila Kongreso de Esperanto, kaj la 18ª Brazila Esperantista Junular-Kongreso.
La loka kongresa Komitato (LKK) estas : Prof. Geraldo Mattos (prezidanto), Maria Luzineide de Souza Santos (sekretariino), Glória Lúcia Perine (Kasistino) kaj Jorge Teles (Artvespero).

# Temo de la 9ª Renkontiĝo

La elektita temo de la 9ª SUBRE estas : **La socia rolo de Esperanto**, laŭ la trafa sugesto de samideano Gilbert René Ledon.
La temo permesas vidpunkton diversflankan kaj ni esperas ke niaj invititaj prelegontoj sciu bone ekspluati ĝin.

# Aguardamos vocês

Ao longo do Movimento esperantista gaúcho há inúmeras pessoas que se distinguiram por sua capacidade de liderança e por seu amor extremado aos ideais da Língua Internacional. Pessoas que deixaram um nome respeitável em nosso meio, seja por suas qualidades desbravadoras, seja pela obra marcante que deixaram nas nossas lembranças, no nosso carinho e, porque não dizer, na nossa história.

Iniciaram eles uma caminhada firme nas trilhas do Movimento, ocuparam cargos de relevância nas nossas organizações mas, de repente, sem que se saiba o motivo, seguiram novos rumos nos descaminhos da vida.

Ficamos só imaginando como seria forte o nosso Movimento se ainda pudéssemos contar com a inteligência e a tenacidade de um Rubens Xavier, de um Wenceslau Gonçalves, de um Ernani Borges...

para só citar alguns poucos nomes.

Será que esse pessoal, algum dia, ainda vai dar um alô para nós ?

O seu comprometimento com o Esperanto no passado, sem dúvida , já deve ter ultrapassado os limites de simples reminiscências para se tornar um repositório de nobres ideais.

# Verdkafa Kunveno

**La tradicia renkontiĝo de la gaŭĉaj esperantistoj okazas ĉiun lastan sabaton de ĉiu monato ĉe kafejo sur avenuo Independência (inter la stratoj Cel. Vicente kaj Pinto Bandeira). Temas pri neformala, malstreĉiga renkontiĝo, kie ĉiu pagas siajn elspezojn kaj NE KROKODILAS.**

# Kanto Alegretana



Antônio A. Fagundes e
Euclides Fagundes Fº
Esperantigis : Ivo Sanguinetti

Ne min demandu kie estas Alegrete
Iru ĝoje al la kor' de la kampar';
Vi kruciĝos certe kun ĉevaliranto
Aŭdante sonojn de akordion' kaj de gitar'

Kiu iras ĝis Rozarjo vesperiĝe
aŭ kiu venas Uruguaiana en karavan'
Sentas sunon kiel braĝo sur la tero
Malaperinta en river' Ibirapuitan'.

Aŭdu kanton gaŭĉeskan kaj brazilan
de tiu lando tute plena de emoci'.
Kakta floro de sovaĝa kampa mielo
Maŭra roko ĉe la valoj de Inhanduí'.

Ĉe la lasta horo certe mi meritu
Vidi sunon de Alegrete je sia pas'.
Laŭ ĉevaloj mi deturnos mian kapon
al la lando, ĉe momento de l' forpas'.

Ĉe okuloj mi kunportos tutan ĉarmon
de tiu lando, kiun mi amis kun fervor',
Ĉiu verso, kiun mi verkis estas pago
de iu ŝuldo de la amo kaj de honor'.

Aŭdu kanton gaŭĉeskan kaj brazilan
de tiu lando tute plena de emoci',
Kakta floro de sovaĝa kampa mielo
Maŭra roko ĉe la valoj de Inhanduí'.

# Camisetas de Esperanto

"Samideano" Amarilio Carvalho é uma das figuras mais conhecidas e ativas do movimento esperantista brasileiro. Perfeito conhecedor do Esperanto, ele está sempre presente
nos principais eventos, onde se destaca também como orgnizador e animador de vesperais artisticos. Seu maior empenho,contudo, é na divulgação do Esperanto através de camisetas ,pois está convencido "ke ju pli da ĉemizoj kun esperantaj tekstoj, despli avangarda fariĝos la surstrata disvastigo de la Internacia Lingvo".


★★★★
Subre

## 9ª Sudbrazila Renkontiĝo de Esperanto

En la gaŭĉa ĉefurbo okazos, de la 18a ĝis la 21a de septembro venontjare, la 9an Sudbrazilan Renkontiĝon de Esperanto.
Jam konfirmis siajn partoprenojn kiel prelegantoj de la 9ª SUBRE, la jenaj elstaraj gesamideanoj :

- Inĝ. Alberto Barrocas - Montevideo
- Inĝ Alberto Flores - Volta Redonda
- D-rino Delci Cipriani - Sta.Maria
- Prof. Evaldo Pauli - Florianopolis
- Prof. Geraldo Mattos - Curitiba
- Prof. Jose Pasini - Juiz de Fora
- Inĝ. Gilbert R.Ledon - Campos do Jordão.


## Gaŭĉa Stelo



Poŝkesto : 815 -CEP: 90.001-970
Porto Alegre - RS - Brazilo
Informilo de Gaŭĉa Esperanto-Asocio
n-ro 2 - Decembro / 96
Dumonata senpaga bulteno
Redaktoro-ĵurnalisto : **Ivo Sanguinetti**
MTIC n-ro 609
Prezidantino : **Lucila D. Fernandes**


# Gaŭĉaj Popoldiroj

Glata kiel bufa ventro.
Insistema kiel pulo ĉe forlasita domaĉo.
Konfuzita kiel hundo en procesio.
Lekita kiel ĵusnaskita bovido.
Longa kiel kraĉado de ebriulo.
Koketa kiel juna ansero.
Longa kiel insulto de balbutulo.
Malbela kiel ŝuo de pastro.

# Lingva Ŝerloko

(Solvo el la dua paĝo)

1. ... malgraŭ la pluvO aŭ ... malgraŭ KE pluvis.
2. ... sen permeso de IU el ni.
3. Post la manĝO li ekdormis.
4. Mil kalkulas JE via helpo...
5. Estas danĝere promeni...
6. ... laboris sen dormO...
7. Mi ne diras al vi ION alian...
8. Se vi korektis la frazon, via korekto estas malkorekta. Ne forgesu la konsilon de Ŝerloko :"Se la verŝajno
ne aperas, serĉu ĉe la neverŝajno...".

EVIDENTE,mia kara Watsono !!!